**PENSEO**

N-ro 211

majo. / 2009

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 20-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Vejdo

# De Nova Start'

Omaĝe al 30-jariĝo de HEA

—laŭ ĉinesko Manjianghong*

tridekjaraj
zorgemaj
flego kaj vart'
varmigas
E-movadon
en fajra ard'
solidara HEA
en la ĉina centra part'
progresas
pene antaŭen
per transsalt'

sub verda
la standard'
bezonas
kun vol-hard'
ni ja klopodi
al plia alt'
per solida sinergi'
laboru forte sen halt'
gefratoj
strebu kune de
nova start'

*Manjianghong (Rivero Plenruĝa): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 11 versoj de 434,344,77,353 / 33,33,54,77,353 silaboj respektive, laŭ rimaranĝo xxa,xxa,xa,xxa / xa,xa,xa,xa,xxa (x = senrima)*

# Omaĝanta incenso

—Por kondolenci Kurisu Kei (1910 – 2009 - 04 -18)

Junulo serĉis Veron sur la mondo,
Por la justec' socia l' scion studis,
En la koro l' esperan floron butis.
Antaŭ li lumis Esperanta ondo.

Flugigis alten li per korespondo
Kajton, proleta batalant' debutis.
Despotan plagon de Stalin aludis
Li, al ĉinoj donis l' amika ponto.[1)]

Literaturon ĉeĥan li preferis,
Por Fuĉik la incenson li oferis,[2)]
Al samideanoj sinceran senton.

Verkis, tradukis li ĉiumomenton,
Eseoj post konsiderad' aperis,[3)]
Kiuj faras por li la monumenton!



*1) Post kiam finiĝis la Granda Kultura Revolucio (1966-1976) en Ĉinio, en 1979 s-ano Kurisu Kei fondis la Societon por Japana-Ĉina Amikeco per Korespondo por la interkompreniĝo kaj la fortigo de*

*amikeco inter la ĉina kaj la japana popolanoj.*

*2) Kurisu Kei japanigis multajn beletraĵojn de la ĉeĥa literaturo rekte el la ĉeĥa lingvo, inkluzive verkon de J. Fuĉik, la ĉeĥa komunista verkisto.*

*3) Tiuj eseoj aŭ artikoloj de Kurisu Kei aperis en diversaj revuoj en Esperanto, kiujn mi kompilis, tamen, bedaŭrinde, la manuskriptoj restas en lia tirkesto ĝis nun.*

Shi Chengtai

2009-5-3, Daqing, Ĉinio

# Infano forlasita

V. Hugo

La infano rigardas al la ŝipo, kiu forveturas malproksimen. Li estas sola ĉe la bordo de la maro. La plenaĝuloj, kiuj forveturas per ŝipo, lin forlasis.

Li estas dek-jara. Li ne havas monon, nek eĉ pecon da pano en la poŝo, nek ŝuojn sur la piedoj, nur veston de plenkreskulo sur la korpo.

Ĉi tiu estas vintro, ĉi tiu estas nokto. Li ne scias, kie li estas.

Li iras kelkan tempon, poste li haltas.

Post li estas maro, antaŭ li la tero, super lia kapo la ĉielo.

Subite li kurbigas la dorson. Li ekvidas piedsignojn en la neĝo kaj aŭdas malfortan voĉon. Li rigardas ĉirkaŭ sin, sed li vidas neniun. Li ree aŭskultas. Li aŭdas saman voĉon. Li proksimiĝas al la voĉo kaj eltrovas virinon sub la neĝo. Ŝi havas palan vizaĝon kaj okulojn fermitajn. Ŝi mortis. Ŝi portas en siaj brakoj malgrandan knabinon de kvin aŭ ses monatoj, kiu ploras.

La knabo portas la povran malgrandan en siaj brakoj. La piedoj, brakoj kaj manoj de la malgranda estas rigidigitaj de frosto. Li envolvas la infanon en sia jako, poste denove vojiras.

La knabo marŝas je kvar horoj. Li portas la malgrandan en siaj brakoj. Li tremas de malvarmo sen jako, li estas laca, sed li ĉiam antaŭenmarŝas. La malgranda knabino kiun li portas unue ploras, poste ŝi endormiĝas.

Finfine li ekvidas malgrandan urbon antaŭ li. Nun li ne marŝas plu, li preskaŭ kuras. Li sekvas la unuan straton, poste la duan, poste la trian. De tempo al tempo li frapas je la pordo, sed neniu respondas. Li ne havas plu forton voki kaj krii. Li sekvas ankoraŭ kelkajn stratojn. La loĝdomoj finiĝas tie.



Subite proksime de muro li ekvidas veturilon similan al dometo, kie troviĝas ratoj, ĉi tiu estas veturilo; kiu havas tegmenton, ĉi tiu estas domo. Li aliras kaj vidas, ke ĉi tiu estas loĝveturilo.

Kapo de homo sin montras ĉe la malgranda fenestro de la loĝveturilo.

— Kiu estas tie? demandas voĉo de viro.

— Mi.

— Vi! Kiu? De kie vi venas?

— Mi estas laca, diras la infano.

— Kioma horo nun esras?

— Mi sentas min malvarma.

— Kion vi faras tie?

— Mi sentas min malsata.

— Ne ĉiu povas esti feliĉa.

La fenestro fermiĝas. La povra infano iras kelkajn paŝojn al la kampoj kovritaj de neĝo. Sed la pordo malfermiĝas, kaj la sama voĉo krias:

— Kio? Kial vi ne eniras?

La infano turnas sin.

— Eniru do! diras la voĉo

La knabo eniras.

En la loĝveturilo la infano ekvidas altan kaj malgrasan maljunulo

— Metu vian pakon sur la benkon, diras la maljunulo.

La knabo metas la malgrandan infanon sur la benkon.

— Kiu estas vi? Kial vi estas sur strato en ĉi tiu tempo? Respondu min! Ne, li ne respondas. Vi sentas vin malvarma, vi estas laca, ripozu unue. Demetu viajn vestojn, diras la maljunulo, kaj li donas al li ĉemizon kaj longan jakon de viro.

Poste li metas antaŭ la knabon teleron kun terpomoj.

— Vi estas malsata, manĝu!

La maljunulo prenas pecon da pano kaj forketon kaj donas ilin al la infano. La knabo ekmanĝas.

En tiu ĉi momento, la maljunulo aŭdas malfortan krion. Li proksimiĝas al la benko.

— Tio estas do via pako, kiu krias. Kio estas en via pako? Li disvolvas la pakon.

— Aĥ! kio estas ĉi tiu? Kion vi alportis al mi ĉi tie, bandito? Tiu ĉi estas malgranda knabino, ŝi soifas.

Li envolvas la malgrandan knabinon en pecon da tolo pura. Li prenas botelon, en kiu estas lakto, kaj metas la kolon de botelo en la buŝon de la malgranda.

La knabo demetas manĝforkon. Li rigardas malplenan botelon.

— Eh, manĝu do! diras al ŝi la maljunulo.

— Kaj vi, la infano demandas, vi havas nenion?

— Tute manĝu! Kiu parolas al vi pri mi? Mi diras al vi, ke tute manĝu. Vi estas ĉi tie por manĝi kaj dormi. Manĝu, alie mi vin elĵetas ekster la pordon.

La knabo finas sian noktan manĝeton.

— Ĉi tio ne estas ĉio, diras al li la maljunulo. La buŝo ne estas destinita nur por manĝi, sed por paroli. Respondu mian demandon! De kie vi venas?

— Mi ne scias, respondas la infano.

— Kial vi ne scias?

— Oni lasis min sola ĉe la bordo de maro ĉi-vespere.

—Aĥ! Kiel oni nomas vin? Kie estas viaj parencoj?

— Mi ne havas parencojn

— Sed ĉi tiu estas via fratineto!

— Ĉi tiu ne estas mia fratineto.

— Ĉi tiu ne estas via fratineto?

— Ne.

— Kiu do ĉi tiu estas?

— Mi trovis ĉi tiun malgrandan knabinon.

— Vi trovis?

— Jes.

— Kie?

— En la brako de virino, kiu mortis en la neĝo.

— Kie?

— Kilometron malproksime de ĉi tie.

— En kiu direkto?

— En la direkto al la maro

— Ĉu vi trapasis ponton?

— Jes.

— Kuŝu tie!

La knabo kuŝiĝas flanke de la knabineto.

La maljunulo tenas lanternon kaj lasas la infanojn solaj en la loĝveturilo.

—Homo! krias la maljunulo.

Hurlo lin respondas.

Baldaŭ poste la du infanoj profunde endormiĝas.

Kiam la unua radio de tagiĝo eniras en la loĝveturilon, la knabo vekiĝas. En ĉi tiu momento la pordo malfermiĝas.

La maljunulo revenas. Homo, granda lupo, lin sekvas kiel hundo. La knabo leviĝas kaj sin lokas antaŭ la knabineto kiu ankoraŭ dormas.

La maljunulo ne rigardas al la infanoj. Li sidas antaŭ la tablo kaj parolas per tre malalta voĉo. “Ŝi mortis. Ne estas facile ŝin trovi. Sen Homo kiu flaras per la nazo, mi eble restus ankoraŭ tie. Ne estos facile por tri kune vivi en ĉi tiu loĝveturilo, kies spaco eĉ ne sufiĉas por unu. Mi nun havas filinon kaj filon. ”

Dum li parolas, la lupo prosimiĝas al la benkon. Ĝi lekas la manon de la malgranda knabino. Ĝi ŝin tiel delikate lekas, ke ŝi ne vekiĝas.

—Bone, Homo, diras la maljunulo, mi fariĝos patro, kaj vi fariĝos onklo.

*esperantigis el la franca lingvo*

**Lin Leming**

# Ĉineske

Eto

## Soleca Atendo

—laŭ ĉinesko Litingyan*

ŝi ne al rendevu'
venis, nur mi unu
sidis sur benk' en parko
ĉirkaŭe krom rojflu'
regis tenebro
kaj infera malbru'

mi esperis ne plu
kredis sen ambigu'
ke ŝi certe perdiĝis
en sentimenta sku'
kaj ignoris min
en soleca enu'

**Litingyan (Hirundo Ĉe Kiosko): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 6 versoj de 66, 76, 56 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa,xa (x=senrima)*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St.,
Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_